

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Jaro 4 N-ro 2 (13) junio de 2005

## NOVAĴO

### Interkonsento pri ĝemela kunlaboro inter du esperantistaj organizaĵoj

S-ro Juliette Voelcker el Esperanto-Klubo en Rennes (Francio), en la 11-a de marto 2005, kaj s-ro Jan Werner en Brno el Societo por Lingvo Internacia Esperanto en Brno (Ĉeĥio), la 18-an de marto 2005 kune konfirmas la interkonsenton, kiu interkonsentas pri amika kunlaboro akorde kun la oficialaj kontraktoj de la urboj Rennes kaj Brno kaj tiel plenumas la projekton de UEA pri ĝemela kunlaboro.

La interkonsento prezentas promeson de la du organizaĵoj praktiki konscian kunlaboron, kiu estos bazita sur la reciproka sininformado pri agad-programo de ambaŭ subjektoj kaj samtempe ne eldevigos ilin fari ion, kio por ili povus esti troa tempa kaj financa ŝarĝo. En tiu senco la partneroj:

a) informados sin pri siaj membroj, aktualaj programoj, planoj kaj pri aranĝoj kaj verkoj de esperantistoj en la loko kaj regiono;
b) instigos siajn membrojn konatiĝi kun la urbo, lando, popolo kaj kulturo de la ĝemeligita esperantista organizaĵo;
c) subtenos privatajn amikajn kontaktojn de la membroj,
d) sekvos ĝemelan aktivadon organizatan de la koncernaj urbaj administracioj en Rennes kaj Brno kaj informos ilin pri la paralela interurba kunlaboro de esperantistoj,
e) laŭokaze pri la kunlaboro informos la komisiiton de UEA, Wu Guojiang (Ĉinio, e-adreso: amikeco999@21cn.com), kiu pri ni povus publici informojn en la "Informilo de Ĝemelaj Urboj" – Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj".

La kontakton inter la organizaĵoj prizorgados Juliette Voelcker, (adreso:1 place Saint-Guénolé, F-35000 Rennes) kaj Jan Werner, (adreso: Dřínová 18, CZ-61200 Brno; werne@tiscali.cz )

[**komentario**] la supra interkonsento inter Esperanto-Klubo en Rennes kaj Societo por Lingvo Internacia Esperanto en Brno estas alia signifa okazo post grava decido kunfaritaj de la du urbestroj de Góra en Pollando kaj Herzberg am Herz en Germanio kun celo praktiki la neŭtralan lingvon Esperanto. Ĝi estas konkreta montro de la forta subteno al la projekto "Ĝemelaj Urboj" de UEA. Ekde naskiĝo de la projekto multaj esperantistoj kaj lokaj orgainzaĵoj per diversaj rimedoj reagis al ĝi, ĝuste pro tio ĝi povas havi ĝojindan situacion. La projekto estos plifruktdona se plimultaj lokaj organizaĵoj havus praktikan agadon kiel Rennes kaj Brno. Mi kore gratulas al la du organizaĵoj kaj deziras al vi grandan progreson. – la komisiito

### Reago el la ĝemelaj urboj al la kultura ekspozicio en Himeji

La grupo Harima Esperanto-Societo (HES) partoprenis la internacian kulturan ekspozicion en Himeji okazita de la 24-a ĝis la 29-a de majo. Por la ekspozicio HES sukcese kolektis kaj ricevis leterojn, poŝtkartojn kaj fotojn el la esperantistoj aŭ Esperanto-organizaĵoj en la ĝemelaj urboj de Himeji, nome Adelaide en Aŭstralio, Charleroi en Belgio, Curitiba en Brazilo, Taiyuan en Ĉinio, Masan en Koreio, Phoenix en Usono. Tio sufiĉe montris veran efikecon de la interpopola,

neŭtrala lingvo Esperanto al la vizitantoj de la ekspozicio. Indas mencii, ke HES trovis esperantistojn en la ĉina ĝemela urbo Taiyuan helpe de la projekto "Ĝemelaj Urboj" post kiam ĝi mem havis sukcesan kontakton kun samideanoj en la aliaj ĝemelaj urboj. (laŭ la sekvaj mesaĝoj de Mine Yositaka, prezidanto de HES)

**Ĝemelurba Informilo por Svedaj esperantistoj**

S-ino Kaisa Hansen starigis revueton, Ĝemelurba Informilo, por svedaj esperantistoj. Ĝi fontas el La Hirundo, esperantlingva gazeto en Upplandas Vasby en Svedio.

**La prelego de la komiisito en la 20-a datreveno de LEA**

Dum la festo de la 20-a jara jubileo de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA), Ĉinio, okazita inter la 18-a kaj la 19-a de junio, la komisiito invitite faris prelegon pri ĝemelaj urboj. Ĝi entute havis tri enhavojn: la fontoj de Propono de LEA al Esperantistoj en Ĝemelaj Urboj kaj la Projekto "Ĝemelaj Urboj" de UEA, la rolo de la propono kaj la projekto en LEA, la nuna situacio kaj la onta imago de la propono kaj la projekto.

**La parolado de la redaktoro:** Mi ricevis ĉi suban mesaĝon tre malfrue, la retmesaĝo en la 26-a de junio kaj la rilata revuo BAZARO en 15-a de Julio, mi ne havis ŝancon redakti ĝin en n-ron 11 aŭ n-ron 12 Informilo de Ĝemelaj Urboj, kiuj estis siatempe en dissendo. Tamen mi ĉi tie aperigas ĝian tuton por montri, ke niaj samideanoj estas agantaj por la projekto "Ĝemelaj Urboj", ili ĉiam estas penantaj spite al tio, ke ĝis nun esperantistoj ne ekzistas en kelkaj urboj menciitaj. Mi ankoraŭ alte taksas tiun iniciaton.

**INVITILO AL ĜEMELURBA RENKONTIĜO**

Asocio de Esperanto de la Municipa Kulturdomo Cluj-Napoca, Rumanio, organizas inter 29-31 julio 2005, internacian simpozion kun la temo: ESPERANTO, VOJO DE INTERKOMUNIKIĜO KAJ INTERNACIA KOMPRENO, al kiu ni invitis geesperantistojn el 12 ĝemelurboj de nia municipo Cluj, nome el Köln (Germanio), Zhengzhou (Ĉinio), Columbia (Usono), Nantes (Francio), Beer Sheva (Israelo), Dijon (Francio), Zagrebo (Kroatio), Pecs (Hungario), Makati (Filipinoj), Suwon (Koreio), San Paulo ( Brazilo) kaj Korce (Albanio).

Bedaŭrinde la periodo ne estas la plej konvena, sed ni ne povis trovi alian periodon por ĉi tiu renkontiĝo. Ni esperas, ke tamen partoprenos ĉi tiun renkontiĝon esperantistoj el kelkaj landoj. Ĝis nun anoncis sin el tri landoj partoprenantoj.

Ni invitas al nia Ĝemelurba Renkontiĝo ĉiujn geesperantistojn el Rumanio. Kiuj ne vojaĝos al Litovio, por partopreni UK-n, estas atendataj en Kluĵo! Ni estus tre honoritaj, se ankaŭ rumaniaj geesperantistoj ĉeestus la renkontiĝon kun aktiva partopreno, nome, prelegante interesajn tekstojn, koncerne de la temo de nia simpozio. Ni mencias, ke la Municipa Kulturdomo certigas por la partoprenantoj malmultekostan loĝadon kaj manĝadon. En la kazo se vi konfirmos vian partoprenon je ĉi tiu simpozio, ni sendos al vi ankaŭ aliajn informojn.

Ni petas vin, bonvolu sendi vian senpagan aliĝon al Julia SIGMOND, Str. VLAHUTA 7/6, au retadreso: jusi@freemail.hu.

**La projekto en gazetoj**

1. Nova Vojo estas monata kaj du-lingva gazeto de Esperanto-Propaganda Asocio en Japanio. En sia n-ro 10/2004 aperis raporto pri la vizito de la delegacio el Kameoka al la aŭstria Knittelfeld por festi la 40-jaran jubileon de ĝemeliĝo inter la du urboj.

2. N-ro 1 (54) La Verda Spiko/2005, sezona organo de Guangdong-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio aperigis la resumon de la laboro de la asocio (1999-2004). Ĝi menciis komunikiĝon kun la ĝemelaj urboj de la provinco kiel unu el niĉoj.

3. En n-ro 1 Ĝemelurba Informilo /2005, redaktata de s-ino Kaisa Hansen en Svedio, oni trovis la interkonsenton faritan de la urbestroj de la ĝemelaj urboj Góra (Pollando) kaj Herzberg am Herz (Germanio) pri praktika uzado de Esperanto, mesaĝojn de la komisiito al la novaj ĝemelaj urboj Nankino (Ĉinio) kaj Belo Horizonte (Brazilo) kaj al la ideo de la urbestro de Vilnius, kongresejo de la 90-a UK, kaj ideon de La Hirundo pri ĝemel-urba kunlaboro ktp.

4. Legeblas en n-ro 5 Esperanto/2005 interkonsento farita de la du urbestroj pri praktika uzado de Esperanto inter la ĝemelaj urboj: Góra en Pollando kaj Herzberg am Herz en Germanio.

5. Informilo de Ĉina Esperanto-Ligo enmetis en sia n-ron 4 raporton pri letero el Taiyuan Esperanto-Asocio (prep.) al Harima Esperanto-Societo en sia japana ĝemelurbo Himeji por okazo de internacia kultura ekspozicio.

6. BAZARO, kvaronjara esperantlingva revuo de Asocio de Esperanto Cluj en Rumanio, en sia n-ro 2 (33) menciis, ke Asocio de Esperanto de la Municipa Kulturdomo Cluj-Napoca invitis geesperantistojn el la ĝemelaj urboj de Cluj al internacia simpozicio okazota inter la 29-a kaj 31-a de Julio 2005.

## URBA STILO KAJ TRAJTO

**Tradicio de Troyes, amikeca ĝuo de la esperantistoj el la ĝemelurboj**

Kadre de ĝemeliĝado de la urbo Troyes (Francio) kun Alkmaar (Holando), Darmstadt (Germanio) kaj Chesterfield (Britio), la esperantistoj kutimas retroviĝi ĉiujare dum la ĉielira semajnfino. Ĉijare estis la vico de Alkmaar organizi kunvenon kaj rendevuigi nin en la kvartaldomo De Deel en Heerhugowaard, tiel iliajn amikojn el Tata (Hungario),ĝhemeliĝita urbo de Alkmaar. Do preskaŭ cento da Hungaroj, Germanoj, Nederlandanoj kaj Francoj povis gajvigle komuniki dum 4 tagoj per la internacia lingvo Esperanto.

Alkmaar troviĝas norde de la provinco Holando, je 2 metroj sub la mara nivelo, malnova urbo tute el brikoj kaj kanaloj, famkonata pro la fromaĝmerkato ekde 1365 sur la Placo de la Publika Pesado matene ĉiun vendredon. La esperantistoj aliparte uzis la okazon mem fari (laŭ malnova maniero!) fromaĝon en la fromaĝfarejo Zeilzicht.

La agadoj proponitaj de niaj Alkmaraj amikoj estis nombraj kaj diversigitaj, ĉiam tre interesaj : de la rememoro homaĝa al ĉiuj militviktimoj la vesperon de nia alveno, al la ekflugo de la kajtoj faritaj per niaj propraj manoj la lastan tagon sur la strando de Egmondo ĉe Maro, ĉe la Norda Maro, destinitaj al formado sur fono da blua ĉielo (sed jes: inter pluvegoj!) de la vorto ESPERANTO, okaze de la centjara datreveno de Esperanto en Nederlando, post la vizito de la

lumturo Jan van Speyck kaj de la boatejo de la Savkompanio… de la vizito de la dometo de Neeltje Pauw, tiel prezervita de antaŭ unu jarcento, apud la tipa vilaĝo De Rijp, al tiu de la treege moderna rubocindrigejo… inter la prelegoj "Kultura diverseco kaj kultura identeco" kaj "Eŭropa identeco aŭ monda identeco", la koncertoj de la ĥoro Malvo, la kantisto Woody, la grupo Kajto, revenante de dumonata turneo tra Norda Ameriko, kaj ĉio en la lingvo de Zamenhof, kompreneble!.. La programo estis plenplena, el kiu necesis eskapi por admiri tulipkampojn kaj fierajn muelilojn, ĉefe destinitaj al sekigo de polderoj…Ĉiuj estis kontentegaj pro la restado kaj jam estas serĉadantaj por la venonta kunveno…, fakte Troyes ricevos en 2006 siajn amikojn el la ĝemeliĝitaj urboj…(raportis Michèle Guingouin - Prezidantino de Esperanto10, la titolo estas aldonita de la redaktoro)

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

**Prelego de Kelly Londoni pri la Esperanto Movado en Zimbabvo**

Estas kiel partopreno en loterio, kiam afrikano petas vizon pro vizito al Germanion. La vizito, anoncita lastjare, ĉijare tute hazarde povis okazi kaj lunde, la 16-an de aŭgusto 2004 la berlinaj esperantistoj en "Café Multikulti" havis la maloftan eblecon kontiĝi kun gasto el la nigra kontinento.

Kelly Londoni prezentis bazajn informojn pri lia nova hejmlando Zimbabvo, kiun oni kutime nur konas pro nekompreneblaj politikaj eventoj inter la nigra plimulto kaj la blankuloj, kiuj posedis la plej grandan parton de la utiligebla grundo. Li prezentis la plej vizitendajn turismajn vidindaĵojn, nome la fama ŝtonkonstruaĵo, el kiu la eksa ŝtato "Suda Rodesio" prenis sian nomom post la liberiĝo.

En la ĉefurbo Harare estas vigla Esperanto-vivo kun diversaj kunvenoj monate. Okazas instruo kaj libroj, ofte donacoj de eksterlande, estas disponeblaj. Problemo estas, ke mankas ejo por renkonti al la grupo. Kelly Londoni prezentis ambician planon, kiu ne sole solvu la problemon de kunvenejo, sed kreas enspezojn, por financi la propagandon de Esperanto, kaj laborlokojn por rifuĝintoj. Aliro al la tutmonda komunikado en Zimbabwo, kiel en multaj afrikaj landoj, estas multekosta kaj komplika. Komputilo por privata uzo estas revo kaj tial multaj uzas Ret-Kafejojn, kie oni povas interŝanĝi retmesaĝojn kun la tuta mondo.

La Esperanto-Klubo en Harare proponas kun modesta helpo realigi retkafejon, kiu estu prizorgata precipe de Esperantistoj kaj estas utiligebla por Esperanto-renkontiĝoj kaj instrudado. La kostoj estas facile pageblaj per la luprezo, kiun ne-esperantistaj uzantoj de la komputiloj pagas. Pro la fakto, ke Kelly Londoni kaj aliaj el la grupo estas komputistoj, la scioj por funkciigi la teknikon ekzistas. Kelly ekzemple zorgas pri la la reto de religia asocio kaj scias, kiu estas bezonata por retkafejo.

Lia prezento en Berlin estis parto de kelksemajna vojaĝo tra Germanio. Li partoprenis la internacian renkontiĝon SOMERE, kie li konatiĝis kun kelkaj berlinanoj, kaj pasigis certan tempon en Bavario. Grave estis lia vizito en München. La bavara metropolo estas partnera urbo de Harare kaj ĝemelurbaj strukturoj kutime estas bona bazo por materia helpo, ekzemple por transporti ne plu tute novajn komputilojn, kiuj estas haveblaj en Eŭropo donace de entreprenoj. (raportis Roland Schnell el Berlin)

**Reago de Hans Fechler al Jara Raporto de la projekto en 2003**

Kara Wu Guojiang, Vian Informilon N-ro 3 (10) mi ricevis jam en decembro. Nun fine estas

urĝa tempo, multe kaj kore danki vin pro via tre grava laboro kaj por via sendaĵo. Viaj informoj estas vere tre detalaj kaj pripensindaj.

Interesis min aparte la priskribo de la problemoj (3) kaj la proponitaj solvoj. Kelkaj pensoj venis en mian kapon. Permesu, ke mi metas ilin antaŭ viaj okuloj.

**3.1: papera revueto** - mi imagas, ke estus tro granda elspezo (laŭ tempo kaj financo), se vi mem eldonus kaj devus / volus dissendi la paperan formon. Estus pli malkosta en ĉiu rilato, se iu (ankoraŭ ne ekzistanta, sed eble trovebla) reprezentanto de la projekto en la unuopaj landoj simple prenus sian retan ekzempleron kaj sendus paperan kopion al la petantoj en sia propra lando.

**3.2: nevasta diskonigo de la projekto** - tio estas "malnova problemo" ankaŭ por la ne-esperantistaj interurbaj projektoj. La scio pri ili ĉiam denove devas esti disvastigata inter la publiko pere de la lokaj gazetoj. La rilato al la gazetejoj kelkfoje estas iom tikla afero - ĉar tiom multaj lokaj eventoj postulas samrajtan atenton. Multe dependas de la ĵurnalistoj, kiel ili taksas la temon kaj taskon de "ĝemelaj urboj". Do rilate al tiu problemo ni havas sufiĉe da "partneroj" kaj ni povus reciproke doni konsolon.

**3.3: "la rekta vojo al la samaj kaj ne-esperantistaj organizajhoj" -**Tre komplika afero. Inter ni Esperantistoj ni povas interkonsenti pri la fakto, ke la projekto estas "interesa agado por akceli la disvastigon kaj utiligon de Esperanto", kaj ke ĝi "aldonas novan enhavon al la utileco kaj praktikeco de Esperanto". Sed ŝajnas, ke ni Esperantistoj ne sufiĉe konscias pri tio, kiom fremda kaj stranga afero estas tiu "Esperanto" ofte por la ne-esperantistaj personoj kaj instancoj. La vorto "Esperanto" mem ne konvinkas ilin, same kiel la *vorto* "kato" ne povas grati.

Kaj se ni prezentus nur la "PROJEKTON", ni parolus pri vizio, ni farus promesojn pri eblaj atingoj. Sed laŭ mia sperto en mia urbo, ni povas impresi kaj konvinki kaj trovi agnoskon kaj respekton nur per REZULTOJ en nia per-esperanta laboro. Rezultoj impresas. Kaj aparte tiaj rezultoj, kiajn oni ne povas ellabori per iu ajn alia lingvo kaj metodo. Porekzemple PONTOJ pro tio impresas tiom en nia urbodomo, ke mi senkoste povas kopii kaj dissendi la ekzemplerojn.

La decida aspekto estas (laŭ mi), ke oni devas kvazaŭ tute forgesi la "ilon" (Esperanto), kaj devas fidinde kunlabori kun personoj kaj instancoj "de bona volo, kiuj respektas kaj deziras pacon kaj pacan kompreniĝon en egaleca etoso en nia hodiaŭa mondo" (Pekina Deklaro). Bedaŭrinde tio estas ofte tre (tro) malfacila tasko por Esperantistoj: unua celo por ili estas disvastigi la ilon Esperanto. Kaj kiam ili partoprenas en ne-esperantistaj rondoj, ili partoprenas kiel "ilistoj", "Esperantistoj", kiel varbantoj por "ilo", certe multe taŭga ilo, sed vere kaj fakte "ilo". Kaj ni estas en danĝero, misuzi la "bonan volon, kiuj respektas.." kaj fari ĝin nura ilo por disvastigi Esperanton, "nian karan ilon". La "bona volo" (citita de la Pekina Deklaro) kreskas en multegaj koroj kaj spiritoj. Kaj al ĝi servas multegaj vojoj kaj metodoj. Do ni devus esti modestaj partoprenantoj en tiu granda "ludo" - reciproke agnoskante egale ĉies kontribuon.

Vi ja montris en via teksto al tiu duobla intenco: la projekto ne nur estas efika metodo (a) por disvastigi kaj apliki nian lingvon, sed ankaŭ (b) por akceli interŝanĝon kaj kooperadon inter ĝemelurboj kaj kompreniĝon inter tieaj popoloj. Oni povus karakterizi nian taskon rajte kvazaŭ kiel *paradoksan* taskon: varbi por Esperanto per la metodo, ne paroli pri ĝi. La dua intenco (b) estas la kampo, en kiu ni serĉu la ne-esperantistojn "de bona volo". Tiu intenco estas la bazo de ebla kooperado kaj kompreniĝo. Ne estas kampo por intenca kaj senpera varbado por "ilo". La "projekto" kiu konvinkas, estas kunigi homojn en la partneraj urboj. La rezultoj kaj sukcesoj de nia modesta kontribuo - utiligante la ilon Esperanto - atentigos, varbos, konvinkos. Ni devas montri, kion ni jam efike kontribuis/-as (estis "realistoj") - kaj ne promesi tion, kion ni eble povus

kontribui (esti nur "viziistoj"). Ofte ja estas malfacila tasko trovi Esperantistojn en la unuopaj partneraj urboj. Ofte mankas Esperantistoj tie, kie jam ekzistas intencaj kontaktoj pere de korusoj, sportaj grupoj, lernejaj klasoj ktp. Do ni unue devus serĉi kaj establi kontaktojn pere de jam ekzistantaj Esperantistoj - kaj ne postuli, ke oni lernu Esperanton kaj poste ekflorus la kontaktoj...

Tamen - la paradoksa aspekto kaj flanko - ni amantoj de la lingvo Esperanto ja certe havas la taskon teni ĝin viva per multaj pure por-Esperantaj agadoj. Nia lingvo ne havas etnon, landon, ĝi ne estas ligita al grupo da homoj, al kiuj ĝi donas, certigas ian necesan, sed ĉiam limigitan identecon. Esperanto ja estu ilo por peri kontaktojn etne kaj kulture neŭtralajn inter homoj kiuj renkontiĝas kiel fremduloj. Ĝi estas - kontraŭe al la etnaj lingvoj - laŭ sia funkcio - vere kaj unue perfekta kontakt-lingvo. La identeco, kiun Esperanto povas doni, estas transnacia, transkultura kaj tial interligas homojn sur pli alta ebeno. Ni ja nur kuraĝas kontakti kun "fremdaj" homoj, ĉar ni kredas, ke homeco estas nia komuna fundamento. Sed ni vivas konkrete, en kulturo, kun aparta lingvo, kun religio (en ajna senco), kun apartaj manĝaĵoj ktp. Kaj niaj emocioj kaj la sento de "esti hejme" estas ligita al tiuj konkretaĵoj. La motivo de transnacieco estas relative abstrakta kaj bezonas apartan etikon tre vastan kaj ne tro oftan.

Mi spertas, ke ni amantoj de Esperanto - kontraŭe al nia vizio - tendencas trovi en ia "Esperantujo" tiun agrablan, varman senton de "esti hejme", de "havi propran kulturon". Certe plene kompreneble, sed ju pli ni reduktas nian intencon al tiu agrabla "konkreta" flanko, ni konstruas apartan komunumon, plian "etnon", kiu impresas kaj aspektas kiel "fremda" fenomeno al la ceteraj (etnan identecon donantaj) grupoj / popoloj. Kaj Zamenhof povus diri - kiam li denove rigardus el sia fenestro – "Ho, mi ne vidas homojn, mi nur vidas Polojn, Rusojn, Judojn, Germanojn - kaj nun mi vidas ankaŭ novan aldonan etnon, la Esperantistojn."

Ni unue serĉu tion, kio interligas nin kun niaj ĝis nun fremdaj partneraj homoj (konforme al la supre citita principo de la Pekina Deklaro) - kaj faru tion ne kiel Esperantistoj (en la senco de "ilistoj" kaj "viziistoj"), sed kiel homoj en konkretaj interurbaj projektoj. Ni ja ne povas kaj ne povu eviti, ke ni aperas unue en nia konkreta (etna, kultura) identeco, kiu donas koloron al nia kontakto.

Kaj nur se ni konformas al tiu intenco, estas senco ankaŭ en la serĉo de homoj, kiuj kuraĝas esplori kio estas ebla se oni utiligus la lingvan ilon Esperanto por renkontiĝi kaj tiel plivastigi la interpersonan horizonton.

## SERVA PLATFORMO

**Francio**

En La Ciotat /la Sjota'/ sude de Francio, 30km oriente de Marseille, ĉe la Mediteranea Maro, ekestas grupo de esperantistoj. La urbo estas ĝemeligita kun Bridgewater (Britio), Singen (Germanio), Krajn (Slovenio), Tura d'Annunzia (Italio). Ni volonte akceptas vizitantojn: en tiu urbo de la XVIIa jarcento estis farita la unua filmo "Alveno de trajno en la stacidomon de La Ciotat" far fratoj Lumière. Naturo (maro, insulo,pinarbaro) belas dum la tuta jaro. Kontaktu s-ron Triolle. Renee (triolle.renee@wanadoo.fr)

**Israelo**

Alexander Mikishev (retejo: http://www.amiks.biz email: alex@amiks.biz): Estimata s-ro Wu, mi ricevis de vi informilon de Ĝemelaj Urboj. Ĝi estas utila por tiu tema agado. Reciproke, mi volus demandi vin - eble vi povus helpi al trovi ge-ĉinojn, kiuj bone parolas en angla kaj havas

interretan kunligon. Mi serĉas tiujn personojn por komunaj projektoj en kampo de teknika traduko kaj programado. Dankon. Ĉion bonan!

*****************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-2650322 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com ghemelurboj@yahoo.com.cn